PENSEO

N-ro 117
Jul./2001

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 www.anteo.domainvalet.com

# Morto Estas Bela

Zhang Haidi



*Morto Estas Bela.* Kiam mi estis skribanta tiun temon, aŭtuna pluvo falis ekstere.

La unua fojo, kiam mi sentis, ke morto estas bela, ĝuste sin trovis en la sezono de aŭtuna pluvo. Tiam je la aĝo de proksimume kvin kaj duona jaroj, mi kuŝis en hospitalo, preskaŭ la tutan jaron. Mi estis lokita en la malsanĉambro por infanoj, atendante ĝis kiam miaj kruroj resaniĝos, ĝis kiam mi povos reveni al la supera klaso de gajaj infanoj en la Urba Flegejo, kie mi ĝuos grandan ĝojon –
ĝissate kuradi, ĝissate saltadi, ĝissate hurai kaj ĝissate petoli.

Unu tagon mi ekloĝis en la blankkolora malsanulejo, kie, en tomba silento, troviĝis du infanaj litetoj kun fera barilo. Kvankam la kuracisto anoncis, ke mia kazo estas tre serioza, mi tamen estis kalkulita kiel malpli kriza. Mi povis sidiĝi kaj ĵeti ekrigardojn, tra la fera barilo, al la aĵoj en la ĉambro kaj ekster la fenestro. Ankaŭ mi povis babili senĉese kun flegistinoj se ili sin prezentis ĉeloke. Mi bombardis ilin per sennombraj demandoj: Kiam mi resniĝos? Kiam mia patrino venos por forkonduki min?… Ili eĉ scivolis, kial la malsanuleto aspektas tiel vigla.

Vere mi neniam falis en senmoveco. En malsanlito mi ludis per ĉiuj aĵoj, kiujn mi povis tuŝi, kaj kiam mi enuiĝis pri ili, mi, eltirinte la korkon de termoso, observis, kiamaniere spiraloj de varma vaporo ŝanĝas siajn formojn kaj leviĝas malpeze. Mi atendis, ke la infano en la kontraŭa lito parolu al mi kaj ludu kun mi, sed li rigide kuŝis kun siaj okuloj iomete fermitaj, eligante malpezajn ronkojn de tempo al tempo. Lia kapo estis plene volvita per blanka bandaĝo, lia naztruo enŝovita per maldika ruĝa tubeto kaj liaj brakoj kaj kruroj konektitaj al injekta botelo ĉiutage. Kiam lia patro venis por viziti lin, li eĉ ne malfermis siajn okulojn. Kaj des pli li estis blindaj al la de lia patro alportita amaso da koloraj ladmanĝaĵoj kaj ĵeleoj, antaŭ kiuj la geknaboj en mia infanĝardeno salivumus. Mi memoris, ke knabo en mia klaso, por ke li povu ĝui ladmanĝaĵon, intence senvestigis sin en neĝa vetero kaj starante ĉe la pordo, lasis malvarman venton forte blovi kontraŭ lia nuda korpo, tiel ke li povas terni forte, malvarmumiĝi kaj loĝi en la izolita ĉambro.

Ĉe mia litkapo troviĝis neniaj ladmanĝaĵoj kaj ĵeleoj. Escepte de tio, ke miaj kruroj rifuzis paŝi, mi kapablis manĝi bonapetite kiel kutime, sed mi tamen enviis tiujn frandaĵojn al li. Mi volis veki lin. Hola! Hola! Ĉu vi ankoraŭ ne dormas sufĉe? Ba, vi abomeninda! Mi neniel povis lin veki voĉe. Anstataŭe mi per stangeto pikis kaj frapis lin malpeze. Por atingi lin, mi preskaŭ falis sur la teron el la lito.

Flegistina onklino rakontis, ke la knabo estis kaj vigla kaj petolema antaŭ ol tumoro naskiĝis en lia cerbo, kaj ke li ricevis operacion pro seriozeco de sia malsano kaj endormiĝis kun longa sonĝo.

Kian sonĝon li havas? Pri kio li sonĝas? Mi demandis senĉese.

Ŝi respondis, ke li prisonĝas, ke li veturas pertrajne tre malproksimen, kie troviĝas tre bela loko, kaj li vekiĝos ĝis la trajno atangos la lokon.

Do, mi atendis, ke la trajno atingu la stacion pli baldaŭ, kaj ke li malfermu siajn okulojn, kaj ke li alparolu al mi, kaj ke li regalu min per tiuj koloraj ladmanĝaĵoj kaj purpure diafana ĵeleo kaj post tio rakotu al mi ĉion, kion li jam vidis.

Ĉiutage apogante miajn brakojn sur la fera barilo kaj mian kapon sur la brakojn malvigle, mi atendis lian vekiĝon. Kun ronda vizaĝo kaj kuspita nazo, la knabo aspektis bele. Lia buŝo iomete malfermita ŝajnis ekrideti. Kiel mi, li havis unu antaŭan denton perdintan. Kvankam li neniam malfermis siajn okulojn, mi povis

Imagi, ke li havas grandan kaj brilan okulparon. Ĉiufoje kiam mi vidis liajn nigrajn okulharojn movetadi, mi eksentis ĝojon kaj inklinis lin voki: Hola, hola! Vidu! Pluvas ekstere! Libelo alflugas!

Iutage estis malvarme. Pluvo vere falis, sed ne tiel dense, eligante egalajn frapsonojn. En la malhela kaj sufokiga ĉambro, mi emis ekplori kaj fine endormiĝis pro malpacienco apogante sur la barilo.

Subite mi aŭdis tumulton. Malferminte abrupte miajn okulojn, mi vidis la liton de la knabo ĉirkaŭita de kuracistoj. Ili interparolis subvoĉe, skuis sian kapon, sensone enpoŝigis la stetoskopon, sensone fermis lian dosierujon kaj sine sensone foriris. La flegistina onklino eltiris la maldikan ruĝan tubeton el lia naztruo, forprenis la injektilon el lia mano, kaj viŝis lian vizaĝon per blanka mola lavtuko. Lia vizaĝo fariĝis pli blanka kaj pli kvieta, kaj liaj okulharoj ne plu movetadis. Ŝi kovris lin tutkorpe per blanka littuko.

Kial oni kovris lin? Mi ankoraŭ atendas lin vekiĝon. Mi parolis, sed ne kuraĝis altigi mian voĉon kaj nur murmuris, ĉar ĉiuj enĉambre parolis en subpremita voĉo.

Post nelonge la gepatroj de la knabo alvenis. Ili vestigis lin per nova uniformo de mararmeano kun blankaj strioj sur blua fono, kaj surhavigis mararmeanan ĉapon kun du rubandoj sur lian kapon vinditan per blanka bandaĝo. Post tio, ili eksploris subvoĉe kaj eĉ mlsekigis sian mantukon. Ĉe la momento, oni enpuŝis ĉaron kun kvar radoj. Oni transmetis la knabon sur la ĉaron kaj ĝin forpuŝis. Aŭdiĝis plorsingultoj pli malĝojaj.

Vidante la maldike longajn pluvfadenojn, mi kontemplis. En mia imago aperis la sceno, ke la knabo malfermas siajn okulojn, forŝiras la blankan bandaĝon el sia kapo, kaj kuras al la vagonaro, prenante la manojn de siaj gepatroj. La longa verdkolora vagonaro hurle rulas antaŭen kaj ĝiaj brilaj fenestroj fulmas for kiel magibildoj. Mi ekmemoris, ke kiam mi vizitis mian avon en Wuhan, mi prenis vagonaron. Vere bele estis ekster la fenestroj de la vagonaro: kampoj, rojoj…

Morto, ĝi signifas veturon al tre bela loko!

Mia koreto kvietiĝis, kaj mi laciĝis kaj endormiĝis.

**elĉinigis Hongjia**

## EL 《LAŬZI》

### ĈAPITRO 25

(Tio ĉi estas unu el la plej gravaj ĉapitroj de la filozifia verko de Laŭzi. Ĝi priskribas la Taŭon kiel ion estiĝintan jam antaŭ ol la Ĉielo kaj la Tero kaj ĉiuj aliaj ekzistaĵoj. La Taŭo estas transcenda, ĉar ĝi estas trans la homaj sensoj. Ĝi estas movopova kaj ĉiam moviĝas. En la universo ekzistas kvar grandaj estaĵoj, t.e. la Homo, la Tero, la Ĉielo kaj la Taŭo. Kompreneble, la Taŭo estas la plej alta inter la kvar, kaj el ĝi naskiĝis la tri aliaj.)

Ekzistis io intermiksiĝa kaj nedisigeble tuteca,
Kio estiĝis antaŭ ol la Ĉielo kaj la Tero.
Sensona kaj senforma,
Ĝi dependas de nenio kaj neniam sin ŝanĝas,
Ĝi cirkle iradas ĉie kaj neniam haltas.
Ĝi povas esti rigardata kiel la Patrino de ĉio sub la Ĉielo.
Mi ne scias ĝian nomon,
Kaj mi nomas ĝin Taŭo
Kaj neadekvate kvalifikas ĝin per "granda".
Ĝi estas senfine granda kaj iradas konstante,
Iradi konstante signifas atingi foren,
Atingi foren signifas reveni al la origino.
Tial la Taŭo estas la granda,
La Ĉielo estas granda,
La Tero estas granda,
Kaj ankaŭ la Homo estas granda.
En la universo estas kvar grandaj estaĵoj,
Kaj la Homo estas unu el ili.
La Homo sekvas la leĝojn de la Tero,
La Tero sekvas la leĝojn de la Ĉielo,
La Ĉielo sekvas la leĝojn de la Taŭo,
Kaj la Taŭo sekvas la leĝojn de sia propra naturo.

### ĈAPITRO 26

(En tiu ĉi ĉapitro Laŭzi pritraktas la kontraŭdirojn inter pezo kaj malpezo, senmoveco kaj movo. En la kontraŭeco inter pezo kaj malpezo, aŭ senmoveco kaj movo, Laŭzi opinias, ke la unua, nome la pezo aŭ la senmoveco, estas la ĉefa aspekto.
Vidante la luksemon kaj diboĉadon de tiamaj

regantoj, Laŭzi kritike metis tian demandon kun profunda doloro: "Kiel do povas esti, ke la reganto de dek mil militĉaroj malgrandigas sian gravecon sub la la Ĉielo?" Laŭ li, la reganto de granda regno devus scii sian gravecon kaj eviti leĝerecon en sia regado, kiu rezultigus la ruiniĝon de la regno.)

La pezo estas la radiko de la malpezo,
La senmoveco estas la mastro de la movo.
Tial la Saĝulo[1], vojaĝante la tutan tagon,
Neniam forlasas sian pakaĵĉaron[2].
Ĝuante luksan kaj komfortan vivon,
Li ne dronas en ĝi.
Kiel do povas esti, ke la reganto de regno de dek mil militĉaroj[3]
Malgrandigas sian gravecon sub la Ĉielo?
La malpezeco neeviteble kondukas al la perdo de la radiko,
La leĝera movo neeviteble rezultigas la perdon de la mastreco.

[1] Vd. noton 1 de ĉap.2.

[2] Tiu ĉi frazo metafore signifas, ke la Saĝulo neniam agas leĝere aŭ frivole.

[3] Kvankam en la tempo de Laŭzi ĉaroj estis grandkvante uzataj en militoj, tamen nur granda regno povis posedi dek mil militĉarojn. Ĉi tie Laŭzi aludas per tio la reganton de granda regno.

tradukita de **Wang Congfang**





## Aspiro

**Ĉuisto**

Se mi fariĝus brava aglo,
flugilojn devus mi etendi;
se mi aspirus velon hisi,
mi devus preti ondojn fendi.
Kiel nord-neĝ' kaj suda vento,
mi, kun kreskantaj revoj gloraj,
vivspurojn lasis la sennombrajn,
sed volvas min aromoj floraj.

## Kometo

**Bei Dao**

revenu, aŭ foriru por eterne
ne staru ĉe la pordo tiel
samkiel ŝtonstatuo
por ke ni pridiskutu ĉion nian
per la rigard' neatendanta eĥojn



en fakt' la malfacile imagebla
ne estas la mallumo, sed mateno
kiele la lamplumo daŭros
aperos eble jen kometo
tiranta rubon el ruino
kaj nomojn de malsukcesuloj
nu ili brilu, brulu kaj cindriĝu

revenu, ni hejmlandon rekonstruu
aŭ iru for por ĉiam, kiel la kometo
brilanta sed glaci-frida
lasanta sed falanta ree en mallumon
tra l' blanka koridor' liganta po du noktojn
en la eĥanta valo de ĉirkaŭe
vi kantas sola

elĉinigs Hu Yi





## Stafetkuro de la Vivo

**Wu Tian**

Meznokte iun tagon, granda kot-roka fluo forglutis profunde dormantan vilaĝeton. Ĉe tagiĝo savantoj

atingis. La monta vilaĝeto estis jam ebenigita al la tero. Tie kaj tie vidiĝis brakoj kaj kruroj en kotaĵoj kaj ŝtonoj. Kia tragika sceno! Neniu el la vilaĝanoj povis supervivi la katastrofon.

Subite aŭdiĝis akuta voko, "Aŭdiĝas voĉo ĉisube!" Oni alkuris por pririgardi. Elmontriĝis nur angulo de tegmento de ligna domo kovrita de kotaj ŝtonoj.

Kiam la savantoj disfosis kotaĵojn kaj elpuŝis la tegmenton, oni vidis, ke la tuta domo estas plene ŝtopita de kotaj sabloj kaj nuda knabineto kaŭriĝas senmove en nura malgranda spaco sub la trabo. Ŝi aspektis malpli ol du jarojn. La savantoj penis elporti ŝin, sed ŝi neniel eltiriĝis kaj plore vokis "Panjo!", fingre montrante la



ĉambron. Laŭ la de ŝi indikita direkto, oni vidis malklare paron da kotaj manoj ĉe la loko kie ŝi kaŭriĝis. "Ankoraŭ troviĝas homo sube!" aŭdiĝis mirigita voko. Senprokraste la savantoj komencis zorgeme fosi suben ĉirkaŭ la manparo. Post kelkaj momentoj prezentiĝis animskua sceno: malalta virino kun nuda torso rigidiĝas en stara pozo kun ambaŭ brakoj levitaj alte super la kapo, kiel statuo de pezleva sportisto… Ekster la atendo de ĉirkaŭrigardantoj, la virino estis blinda! Kiam ŝi estis elfosita, ŝi jam estis rigida. La knabino teman ne volis foriri kaj elploris alian vorton "Paĉjo!" Ho ve! Ĉu troviĝas ankoraŭ alia estaĵo? Senhezite oni daŭrigis fosadon suben. Tuj sub la piedoj de la virino, oni trovis viron kun nuda torso, kiu staris rekte kaj sentime, kun ambaŭ ŝultroj alte levitaj… Ankaŭ li estis blindulo!

Okazis, ke la malalta virino levis alten la knabineton, starante sur la ŝultroj de la viro… Mirakle la knabineto estis savita, kiel sola postvivanto en la kot-roka fluo.

elĉinigis **Tong Qing**

  

## Lia Lanco Kontraŭ Lia Ŝildo

En Chu-regno estis vendisto de lancoj kaj ŝildoj. Li laŭdis sian ŝildon, dirante, "Mia ŝildo estas tiel forta, ke neniu lanco povas trapiki ĝin."

Kaj li ankaŭ fanfaronis pri sia lanco, "Mia lanco estas tiom akra, ke ĝi povas trabori ĉiajn ŝildojn."

"Kio okazos, se vi pikas vian ŝildon per via lanco?" li estis demandita.

Li ŝtoniĝis muta.

Estas neeble, ke kunekzistas en la mondo la ŝildo ĉionrezistebla kaj la lanco ĉion-trapikebla.

elĉinigis Xiao Cai

 **POEMOJ DE DU FU** 

### Lamentado pri la Batalo de Chentao

Fruvintre l' sango de la bonaj filoj el dek lokoj
enfluis en kotaĵon de Chentao-distrikt' senpage.
Spitante la ĉielon klaran kaj sen batalvokoj,
kvar dekmil militistoj sin oferis ja samtage.
Forlavis ribelantoj sangon el armiloj glore,
kantante kaj drinkante sate tra la urbaj stratoj .
Sin turnas norden loĝantar' de Chang'an,
singult-plore,
sopire arde al alven' de reĝaj la soldatoj.

### La Malsana Ĉevalo

Mi longtempe rajdas vin kun fido,
Nun ĉe landolim' tra vintra frido.
Vian forton suĉis vojaĝpuno,
Paras vin malsano kaj maljuno.
ordinara vi ĉevalo estas,
Kaj fidela , vi cedema restas.
Nura brut', jes, kun humoro pia,
Indas je odad' mia emocia.

elĉinigis **Vejdo**



* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

Eldonas Redakcio de *Penseo*
Adreso: s-anino Harpina WU
Poŝtkesto 136, Jichang-xi,
Guangzhou, Ĉinio, CN-510403
E-poŝto: harpina@21cn.com
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
…………..
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: wyd168@21cn.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
*************************